Tamen: daŭrigo.

12-a jaro (Numero 3) 1933
Tutjara abono: 2.50 nederlandaj guldenoj (inkluzive aneco de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj)

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktoro: E. J. BOLTJES. Engelsche laan 30. Winschoten ((Nederlando)
Administranto: P. KORTE. Schoolstraat 13. Veendam (Nederl.) Poŝtĉekk.: 90544
Prezidanto de TAGE: G. W. ROOME. 21. Glenalmond Rd Sheffield (Anglujo)
Sekretario de TAGE: W. H. MOOK. Nassauplein 15a Groningen (Nederlando)
2-a Sekretario: K. H. SPORTEL. Nieuw-Scheemda (Gr). (Nederlando)

## *Alvoko de la prezidanto*

JEN VIA ŜANCO!

En kelkaj lingvoj oni trovas sentencojn, kiuj similas al »La reĝo estas morta. Vivu la reĝo!«

Iome simile ni nin trovas en TAGE.

La estraro saksa ĉesis funkcii, eliris, malaperis. Novan estraron holandan ni elektis ĉe Kolonjo. Evidente ili estas novuloj, iome — sed certe ne tute-nespertuloj; sindone ili oferis sin por konduki nian asocion tra necese malfacila tempo; fidele kaj honeste ili volas tiel konduki ĝin, ke oni regajnu la perdojn, daŭrigu la laborojn, antaŭenpuŝu la efikon, eĉ pligrandigu la valoron.

Pro tio, ili devas plene kaj klare scii kion kaj kiel fari por ke ili plejbone agadu.

Jen VIA ŝanco!

Eble vi ne tute ŝatis ĉion kio antaŭe okazis: eĉ instruistoj iome malŝatas. Eble vi kredas ke tiel aŭ alimaniere agante, oni plibonigos la asocion aŭ IPR: Ŝajnas al mi ke ie, iam, mi aŭdis pri tiaj kredantoj. Eble vi eĉ havas ideojn, proponojn, sugestiojn, kiuj laŭ via opinio plivalorigas nian gazeton, aŭ nian asocion. Se jes,

Jen VIA ŝanco!

Anoj el la plimalvastaj landoj! Kelkfoje vi kredas — malvere — ke la kolegoj el pligrandaj nacioj havas antaŭecon, preferon, k. t. p. Guste nuntempe kelkaj el tiuj nacianoj havas specialajn malfacilajojn. Tial, malplivastlandaj kolegoj —

Jen VIA ŝanco!

Samideane, kolege, amike, koopere agante, ni povas el la malfacilajoj mem fari novan, pliutilan, pliviglan, pliprogreseman asocion, ĉefe, preskaŭ sole, se ĉiu ajn el ni kune agas, firme kredas, kaj do taŭge laboras kun komuna paca batalkrio

Jen MIA ŝanco!

*G. W. Roome.*

# *Sciigoj al la abonantaro*

Verŝajne vi, estimata legantino kaj leganto, jam forte malpaciencis pro la fakto, ke vi dum longaj monatoj nenion sciiĝis pri IPR kaj TAGE. Ĉi sube mi iom klarigos al vi la nunan situacion:

Pro la malfacilaj cirkonstancoj, meze de kiuj Germanujo nuntempe troviĝas, niaj germanaj amikoj opiniis, ke ili provizore ne havos sufiĉe da tempo kaj ebleco dediĉi sin plenforte al la laboroj por IPR kaj TAGE. Ili deziris eksiĝi kaj jam petis en la komenco de la nuna jaro, ke mi almenaŭ transprenu iom de ilia laboro. Iom post iom evidentiĝis, ke estos pli bone transdoni ĉiujn laborojn de la laborkomitato en aliajn manojn. La ĝisnunaj estraranoj, escepte la prezidanto, demetis ĉiuj sian funkcion, kaj petis min serĉi kelkajn gekolegojn en Nederlando, por ke tie stariĝu nova laborkomitato. Feliĉe mi sukcesis trovi kelkajn amikojn, ne tro malproksime unu de la alia por regule kunveni, kiuj promesis oferi sian liberan tempon por konservi ĉion, kion niaj germanaj samideanoj tiel modele kolektis kaj ellaboris. Mi proponis la nomojn al nia prezidanto, kiu dum la TAGE-kunveno en Köln pritraktis la aferon kun la rezultato, ke ĉiuj kandidatoj estis elektataj. La nomojn kaj funkciojn vi legu en la kapo de ĉi tiu numero. Bonvolu nepre atenti la adresojn kaj sendu ĉion pri:

la redaktado al k-o Boltjes;

TAGE al k-o Mook

la ekspedo de la revuo al k-o Sportel, al kiu, provizore, ankaŭ sin turnu ĉiuj nederlandaj abonantoj, ĝis kiam la estraro de la nova nederlanda sekcio ekfunkcios,

ĉiuj administraj aferoj (abono, varbado, agenteco) al mia adreso.

Vi komprenas, kara koleg-in-o, ke la regula funkciado de la organiza aparato dum la transirepoko iom stagnis. Multflanka kaj malfacila tasko atendis la laborkomitatanojn, kiuj bezonas tempon por iom alkutimiĝi al la nova laboro. Kaj plej malagrable estas, ke la kaso ne disponas pri sufiĉaj rimedoj por eldoni la revuon. Per la malavara helpo de nia ŝatata samideano Vilmos Bleier el Budapest, la eldonisto de la Literatura Mondo, ni povas almenaŭ havigi al vi ĉi tiun numeron. Ĝi ne aperas en la kutima vesto, eĉ enhavas nur 16 paĝojn, sed bonvolu indulgi nin: ni nepre ne povas ŝanĝi la faktojn. Ĝis nun la plejmulto el la germanaj abonantoj ne pagis la abonkotizon kaj pro tio al ni mankas la necesa mono. Apenaŭ ni povas pagi niajn ĉiutagajn poŝtajn elspezojn. Sed ni esperas, ke niaj germanaj amikoj povos trovi la vojon, kiu kondukos al kontentiga solvo de nia financa problemo.

Nur post kelka hezitado ni prenis sur nin la respondecan taskon pri la gvidado de nia organizo. Tamen ni opiniis, ke ni ne povos rifuzi pro la graveco de nia esperanta movado inter la instruistaro; ĝi ja estas tre, tre grava, ne nur por la instruistoj mem, sed ankaŭ por la ĝenerala disvastiĝo de la lingvo. Nur per la lernejoj ni atingos la finan celon; nur la instruado de Esp. en ĉiulandaj lernejoj povos efektivigi niajn revojn kaj do, antaŭ ĉio, ni diskonigu nian lingvon inter la tutmondaj gekolegoj. TAGE penadas por tio multflanke, kaj ĝia malapero sekve signifus gravan perdon por la ĝenerala movado.

Komenco de l' jaro. 19

1933

A t e n t u !!

La nova administrejo de I.P.R. nun estas en Veendam (Nederlando).

Adreso: S-ro Pieter Korte, lernejestro,
Schoolstraat 13, VEENDAM.
Postĉekkonto: 90544.

---

Bonvolu legi atenteme la ĉi rilatan anoncon sur la 4-a paĝo de la kovrilo de ĉi tiu numero.

Kurt Hofmann

Komenco de l' germana renegado

H. Korte

Laŭ tiaj motivoj ni decidis doni nian liberan tempon por ĝi, esperante ke ĉiu gekolegoj, kiuj ne nur poramuze studis la lingvon, plenfide kaj energie helpos. Ni ne tro parolu nuntempe pri eblaj faktoj kiuj povos dividi nin, sed ni agu, plenkonscie por la bono de nia grava organizo. La nunaj abonantoj, kiuj eble plendis kaj grumblis pri la neregula aperado de IPR., helpu per sia aneco por la venonta jaro. Donu al ni almenaŭ la okazon montri kion ni povas atingi. Realiĝu jam nun kaj sendu vian kotizon antaŭ la 1-a de Januaro al via landa agento aŭ rekte al mi. Kelkaj, kiuj por 1933-a ankoraŭ ne pagis, estas petataj bonvole korekti sian forgeson senprokraste!! Ĉia helpo estas nun nepre bonvena kaj nur per tiu subteno ni povas garantii, ke vi dum 1934-a regule ricevos la revuon. Ni volonte donos nian tempon kaj energion al la organiza laboro, sed krome mem pagi la eldonajn kostojn ni ne povas.

Pripensu, geamikoj, ĉu inter viaj konatoj ne estas varbendaj personoj; petu al mi cirkulerojn per kiuj vi povas atentigi ilin pri la ekzistado kaj laboro de TAGE kaj IPR., aŭ sciigu al mi tiujn adresojn por ke mi mem sendu al ili varbilojn. Kiam ĉiu en sia cirkaŭaĵo faros sian eblon, ni certe venkos nian krizon. Komuniku al mi eventualajn malhelpojn; ĉiam mi tute estas je via dispono. Sed faru almenaŭ ion por la prospero de nia afero; ekzemple:

pagu tuj vian kotizon por 1933-a, se vi ĝis nun tion forgesis;
aliĝu jam nun por 1934-a;
varbu energie inter viaj konatoj;
Sciigu adresojn de varbendaj personoj.

La nuna malfacila jaro jam preskaŭ forpasis; ni ne daŭre murmuru pri pasintaĵoj, sed donu al TAGE nian fortan subtenon, kaj kune ni marŝu decide al nia celo:

esperanto en la lernejo,
esperanto en internaciaj instruistaj kunvenoj
esperanto en la internacia scienca pedagogio
*al forta organizo: TAGE.*

*P. Korte*

---

# *Sciigo de la redaktoro*

*Estimataj tutmondaj kolegoj!*

Kiel ventego aŭtune skuas la arbaron kaj faligas la senvivajn aŭ duonmortajn branĉojn, tiel la nuna socia krizo furiozas en ĉiuj landoj. La mortaj branĉoj falas. Eble la historiistoj poste diros: la krizo efikis sanige.

Ĉu I. P. R. estas unu el tiuj forblovitaj branĉoj.

Ni esperu ke ne.

Sed komence tiel ŝajnis al mi. Iun tagon mia amiko Korte venis ĉe mi kaj diris: »Ĉu vi volas kunhelpi?

I. P. R. ne povas resti en Germanujo. Se ni en Nederlando ne formas komitaton, ĝi malaperos.«

Mi havis diversajn motivojn por rifuzi, sed K-o Korte estas tre energia viro, al kiu oni nepre ne rifuzas ion.

Post kelka tempo mi ricevis tre dikan leteron, enhavante multajn paperojn, artikolojn k. t. p.

Leginte ĉion, mi diris al mi mem: mia antaŭulo estas vera enigmosolvanto. Ĉar mi trovis unu artikolon, pro multaj skriberaroj malfacila kiel latina poemo.

Sed mi konfesu: mi es!as ma'bona enigmosolvanto. Do kompatu min! Kaj sendu al mi bone kompreneblajn verkaĵojn. Multajn, mi petas, kaj el diversaj landoj.

Ankoraŭ unu rimarkon kaj peton.

Vi ĉiuj certe spertis, ke speciale nuntempe anoj de diversaj landoj malbone komprenas unu la alian. Senintence ili sin ofendas reciproke.

Eble Ruso rigardas min, kiu ne estas komunisto, kiel personon kvazaŭ el la mezepoko. Sed li ne skribu tion en I. P. R. Li povas pensi tion.

Kiam ĉi tiun someron mi pasigis unu semajnon en Germanujo, kelkaj Germanoj diris al mi: »Vi Nederlandanoj certe baldaŭ fariĝos nacisocialistoj.«

Eble tio veriĝos. Kiu scias? Por mi la valoro de tiaj profetadoj ne estas granda. Kaj la kompatema rigardo, kiu akompanis la profetadon, ne estis agrabla al mi. Do mi proponas al vi: sendu raportojn aŭ artikolojn, menciu nur faktojn, sed ne aldonu lirikajn politikajn korelverŝojn, kiuj incitas sed ne konvinkas anojn de landoj, kie oni havas alian regsistemon.

Ni instruistoj ĉiam pripensu, ke nia kontraŭulo povas havi bonajn intencojn.

Vi helpu nin gvidi la malgrandan ŝipeton I. P. R. tra la maltrankvila maro. *La redaktoro*

---

# La nuntempa stato de Esperanto en la lernejoj de Granda Britujo

Dum la 24-a B. E. A. Kongreso en Oksfordo okazis, sabaton, la 15-an de Aprilo aparta kunveno por geinstruistoj, kaj aliaj interesataj pri edukado.

Proksimume 70 ceestis.

Sro. Nowell Smith M. A. (antaŭe estro de Sherborne Liceo) prezidis.

La ĉefa parolanto estis Sro. M. C. Butler (sek. de la B. E. A.), kies lastatempa enketo pri Esperanto en britaj lernejoj formis la bazon de tre interesa parolado.

Sro Butler unue pritraktis la meritojn de Esperanto en la lerneja temaro, poste la plej oportunan aĝon por ĝia enkondukiĝo. Li proponis la lastan jaron de la Unuagrada Popollernejo (10 jaruloj), aŭ la unuan jaron de la Liceo (11 jaruloj), kaj opinias ke la plej bona ŝanco ekzistas en la Duagrada Popollernejo (11—14 jaruloj).

Tiam li resumis la informojn havigitajn per demandaro sendita al lernejoj, kaj per lastatempaj vizitoj al lernejoj.

Esperanto nun estas instruata, aŭ oficiale aŭ neoficiale en 27 lernejoj en Anglujo, sed laŭ nuntempa informo, ne en Skotlando, Irlando, aŭ Kimrujo.

El la 27 lernejoj, 14 estas popollernejoj, kaj oni instruas la lingvon oficiale en 8, neoficiale en 6, al 655 gelernantoj entute (454 knaboj, 201 knabinoj).

En 13 liceoj aŭ aliaspecaj altgradaj lernejoj 5 havas oficialan, kaj 8 neoficialan instruon; entute estas 351 gelernantoj (161 knaboj, 190 knabinoj).

La tuto da gelernantoj, do, estas nuntempe 1006.

Dum la prelego. Sro. Butler forte substrekis la mankon de taŭgaj legolibroj por infanoj, kaj gejunuloj; ankaŭ esprimis sian konvinkon ke Esperanto ne atingos sian rajtan lokon en la temaro de lernejoj ĝis la lingvo estas oficiale enlistigita en la programo por la abiturienta diplomo.

Diskuto sekvis.

Fino. Edwards (Bishop Auckland) diris ke la ĉefa malhelpo kontraŭ la progreso de Esperanto en lernejoj estas la manko de geinstruistoj pri modernaj lingvoj, kiuj scipovas Esperanton. Ŝia oficiala instruado de Esperanto okazas en grado 1 (dekunua jaro), kiel preparado al la franca lingvo. Ŝi rakontis pri la granda sukceso de la Ĉe metodo en sia propra sperto, ankaŭ substrekis la gravecon provizi al la lernantoj okazojn daŭrigi la studadon de la lingvo post la lerneja jaro, ekz. per loka grupo. Kroma esencaĵo estas eviti ke la instruado de Esperanto dependu de la entuziasmo de unu persono en lernejo.

Sro. Parkin (Sibford) informis ke li havas ses kolegojn kiuj povas instrui la lingvon, sed ke la instruokazoj estas limigataj pro la fakto ke la franca lingvo estas deviga temo por la abiturienta diplomo.

Sro. Goodes (Romford) rakontis la malfacilaĵojn okazintajn, kiam la klasoj estas influataj de reorganiziĝo, ekzemple, unu klaso jam komencinta la Esperantan lingvon dividiĝis, kaj la du partoj estas kunigitaj kun aliaj gelernantoj ne ankoraŭ lernintaj. Li ankaŭ menciis ke ses gekolegoj lernas Esperanton.

Fino. Nixon (Bournville) parolis pri la malhelpo kiu okazas kiam la lernantinoj havas larĝe malsimilan menspovon en lernejo de la Daŭriga Lernejo, speco, kiu similas la Vesperan Lernejon rilate la tipojn de lernantoj. Ŝi ankaŭ substrekis la mankon de taŭga legmaterialo por komencantoj

Sro. Russell Scott (Letchworth) emfazis la amatoran kvaliton de instruado pri Esperanto, kaj la bezonon por geinstruistoj laŭcele preparitaj. Li ne opinias ke Esperanto nuntempe povas esti temo en oficiala ekzameno.

Unu instruistino diris ke ŝi mem instruas Esperanton laŭ speciala instigo de Reĝa Inspektoro.

Fino. Fortey (Brighton) konsideras ke estas domaĝe malhelpi la klopodojn de tiuj kiuj nepre instruas la lingvon post mallonga sperto,

kaj kun malgranda scio, ĉar kelkfoje ne estas aliaj instruistoj, kaj ankaŭ oni tamen atingas bonajn rezultatojn.

Je la komenco de la kunveno, oni disdonis al ĉiu ĉeestanto ekzempleron de la ĵus eldonita memorandumo, »La Eduka Valoro de Esperanto«, subskribita de dudek eminentaj edukistoj.

La reprezentanto de T. A. G. E. ankaŭ faris alvokon, kaj klarigis la celojn de tiu asocio.

---

# *Bati en la lernejo*

Ni estas modernaj geinstruistoj, do ni ne batas niajn gelernantojn. Ni eĉ ne volas bati ilin.

Ĉu tio estas vera? Ĉu ni efektive neniam volas bati? Aŭ ĉu ni timas la sekvojn? Ĉu ni timas veni antaŭ la tribunalon?

Kaj eĉ... ĉu multaj el ni, kun la mano sur la koro, povas aserti: Mi neniam donis baton al iu el miaj gelernantoj aŭ gelernintoj?

Mi pridubas.

O, ni ne hipokritu. Ni diru la veron. Ne la oficialan veron, ke ni neniam batas tial, ke ni estas modernaj geinstruistoj kaj ĉar la moderna pedagogio kontraŭstaras la batadon, la moderana pedagogio, kiu estas tiel perfekta kaj netuŝebla.

Ni ne hipokritu. Ni havu la kuraĝon atesti kontraŭ la publika opinio, kontraŭ pedagogia sensencaĵo, kontraŭ leĝa malpermeso.

Ni diru la veron, kiu estas:

Kelkfoje necesas bati en la lernejo, necesas por la bona ordo en la klasoĉambro, por fruktodona instruado, por la edukado de iu malbona infano, por la nervoj kaj la bonfarto de la instruisto, necesas... kiel ekzemplo!

»Ĉu vi multe batas?« demandas la interesiĝanta leganto.

Kaj mi respondas:

Preskaŭ neniam. Dum periodo de 15 sinsekvaj jaroj mi fordonis nur unu baton. La sekvintan matenon la patro venis en la lernejon por.. kore danki min.

Mi estis tiam fakinstruisto en granda, 15 klasa lernejo. Mi vagis ĉiuhore el unu klasoĉambro en alian. Unu el la 15 klasoj estis malbonfama. La gelernantoj malagrabligis la vivon de kelkaj kolegoj kaj eĉ fuŝis la sanon de unu el ili.

En unu mateno ili ankaŭ volis klopodi, ĉu estus eble fari malordon dum mia leciono. Estis la unua kaj samtempe la lasta klopodo.

Ili komencis, kiam mi eniris la ĉambron. Mallaŭtan, sed tamen tre malmelodian zumadon ili aŭdigis. Kviete mi iris al la 16 jara knabo, pri kiu mi konjektis, ke li estas la iniciatanto, kaj donis al li fortan baton, la unuuran dum 15 jaroj.

Per tiu unu bato mi savis mian prestiĝon, ankaŭ en la okuloj de la dankema patro, kiu bone sciis, ke lia filo nur malmulte lernas ĉe tiuj instruistoj, kiuj perdis sian prestiĝon.

Feliĉe mi preskaŭ neniam sentas la bezonon bati. Sed kelkfoje mi konfesis al mi, kiam mi punis lernanton, ke estus pli bone, se mi batus lin. Pli bone, pli efike, pli mallonge kaj pli rapide forgeseme.

La leĝo malpermesas la batadon. Mi sentas tion kiel ofendon. Ĝi estas absurdaĵo, precipe, ĉar la lernantoj scias: Al li ne estas permesate bati nin, li eĉ ne kuraĝas bati. Kaj mi scias, ke ekzistas lernantoj, kiuj tute indiferentiĝas pro tiu scio, kaj kiuj, pro tiu malpermeso incitetas, eĉ turmentas siajn instruistojn.

Edukado sen batado estas bela. Certe. Sed kiel teorio, kiel muziko estonteca. La nuna tempo... tempo de sovaĝiĝo... ankoraŭ ne estas matura por apliki ĝin en la praktiko.

*S. J. Ysselstein.*
(elparolu: Ejselstejn)

Kiel amuzaĵo mi tradukas tie ĉi parton el letero, kiun antaŭ nelonge ricevis instruistino en Bondowoso, sur la insulo Java:

»Nun mi volas skribi pri la fervoro de mia filo. Mi, kiel patro, permesas al vi, se lia fervoro aŭ konduto ne estas sufiĉe bonaj, bati lin sur ambaŭ postvangojn (sed ne sur lian kapon, bruston aŭ dorson). Vin, kiel lian instruistinon, rigardas mi kvazaŭ lian patrinon. Via devo estas grava, estimata fraŭlino, sed vi povas esti certa pri mia altestimo, se vi mian filon traktas tiel, kiel mi petis al vi. Estas skribite ja en la biblio, ke tiu, kiu amas siajn infanojn, ne bezonas indulgi la vipon (vergon). Do vi trankvile donu al li batadon sur ambaŭ postvangojn, fraŭlino, do ne sur liajn kapon, bruston aŭ dorson.

---

# „Personec-Instruo“ en la praktiko

## de L. Groeneweg.

*(Prelego farita la 25-an de aprilo 1930 en la sekcio »Lerneja Reformo« de la 2-a Nederlanda Pedagogia Kongreso.)*

Jam en la pedagogia konferenco okazinta en Oktobro 1924 en Amsterdam, ni parolis sub la ĝenerala titolo »Lernejoj kun malpli firma klasa interligo« pri »Personec-Instruo« laŭ ĝiaj teoriaj principoj kaj ĝia praktika celo. Nun post 6 jaroj ni deziras priparoli »Personec-Instruon« tia, kia ĝi en la praktiko realiĝis. Ĉe tio ni ne detale priparolados la teoriajn principojn de la t. n. »Novlernejo«, unue ĉar ĉi tio jam okazas en la kongreso, sed due ni opinias tion superflua, ĉar ankaŭ en nia lando la novlerneja ideo komencis enradikiĝi, ĝi ankaŭ ĉi tie ektrovas adeptojn. Ni tamen opinias veninta la tempon, atenti la praktikon de la diversaj sistemoj; akcenti la tipajn diferencojn inter ili; komuniki la rezultatojn, kiujn ĝi alportis; pliklarigi superregajn ĉe la apliko altrudiĝintajn problemojn kaj pli atente konsideri malhelpaĵojn eble spertitajn, precipe por eksteruloj, kiuj volus sekvi sur ĉi tiun vojon, sed pro tiuj ankoraŭ estas retenataj. Por bona kompreno ni tamen ne provos ne

doni koncizan resumon de la filozofia grundo, la teoria konstruo kaj la el tiuj fluantaj konsekvencoj de tiu ĉi »Personec-Instruo«.

La 26. an de Majo 1921 ni turnis nin al la magistrato de Amsterdam kun la peto permesi al ni preni provon pri aplikado de ideoj koncerne la instruadon, kiuj dum deko da jaroj antaŭe en nia enlerneja laborado estis kreskintaj, kiuj ĉiam pli kaj pli klare konturiĝis, ĉiam pli kaj pli insiste altrudis sin por realigo, kaj fine kristaliĝis en nian sistemon de personec-instruo, kiu certe montras parencecon kun Montessori- kaj Dalton-instruo, sed de tiuj diferencas per sia fundamenta Bazo, per sia filozofia grundo.

»Personec-Instruo« estas bazita sur alia interrilato inter instruisto kaj lernanto (respektive klaso), sur t. n. »kontraŭ-parta interrilato,« stimulita per pensprocedo de la konata Nederlanda mistikulo D.-ro M. H. J. Schoenmaekers, kiun li ekzakte estas karakterizinta en sia verko »Beginselen der Beeldende wiskunde« (Elementoj de la Bildiga Matematiko), plene ellaborinta en sia grandioza kreaĵo »Wereldbouw« (Mondkonstruo). Memkompreneble ni povas ĉi tie pri tio nur koncize paroli.

En la naturefektiveco estas konstateblaj du specoj de interrilatoj:

A. Interrilato de pozitiveco kaj negativeco, ĉe kiu nur estas grada diferenco; ekzemple varmo-malvarmo, sano-malsano — interrilato de malеco. Ĉe kontakto unu kun la alia ili klopodas veni al egaliĝo, ĉe kio ekestas ia kontraŭstaro. Tiel ankaŭ en la t. n. »Malnov-lernejo« la interrilato sole estas rigardata kiel grada diferenco; inter lernanto kaj instruisto, ĉe kio do la celo de la instruado estus kiom eble levadi la unuan en la direkto al la lasta, kio nature enhavas en si la faktoron »kontraŭstaro«. Kiel plej altan laŭdon oni tie ja diras al lernema knabo: »Vi estas preskaŭ tiel klera kiel la instruisto«.

B. Interrilato de interneco kaj ekstereco, de efektive fekundiga »aktiva« donado, kaj efektive fekundigata »pasiva« ricevado; interrilatoj de kontraŭpartoj; tio estas diversaj partoj de sama unuo, ekz. la viro — la virino. Ĉe kontakto unu kun la alia ili klopodas kombiniĝi en unuon, kio el si mem enhavas »kombin-amon«.

Kiel kreanta artisto, skulptisto, klopodas realigi sian internan vizion en la eksteran materialon, la amorfan argilon, prenante tiun ĉi en prilaborado, kombiniĝante kun ĝi en unuon, kun kiel rezultato lia »kreaĵo«, tiel ankaŭ la instruisto en kontraŭparta interrilato kombiniĝante kun siaj lernantoj igos »naskiĝi« el tio pli altan unuon, »la klason«.

Ĉi tiu kontraŭparta interrilato — interrilato de aktiva donanto kaj pasiva ricevanto — estas reciproka; povas esti rigardata kiel la du polusoj de la sama unuo, kiu, oscile efikante ĉe la lernanto ekestigas senvolan aktivan sintenadon, kiam tiu de la instruisto estas pasiva, kaj inverse.

Ĉe la altutklasa instruado la instruisto devas kombiniĝi kun la »klaso« la amaso, kiu nature estas heterogena. Ĉar tiu kombiniĝo pro tio lasta ne estas ebla, li turnas sin por tio al la mezmezuro de la klaso, kun la neevitebla sekvo, ke li nesufiĉe pri orgas la elstarantojn ambaŭflanke, kio efikas kontraŭstaron.

Kiel punkton de eliro ĉe ĉi tiu personec-instruo ni prenas la enkre-

itan homan inpulson — la »impulson de la prahomo« — al libereco, kaj ĉi tiun alliberecan sopiron en la direkto al »eliga impulso« (en ĝia primitiva formo la ekkrio), kaj al la »mova impulso« (la gesto). Ĉi tiu sopiro al libereco ankoraŭ postvivas en la malluma interno de la nuna civilizita homo, kaj de tempo al tempo perforte eliĝas spite civilizacio kaj konveneco.

Tiu ĉi nenuligebla sopiro al »Libera« agado, ĉe plena ligiteco aliflanke, ŝajnis al ni la plej »natura« elirpunkto por sistemo de instruado kaj edukado, ĉar tiu praimpulso el si mem kondukas al »agoj«, tiel ke ni utiligas unu el la plej instigaj faktoroj, kiam ni havigas al la infanoj okazon je »libera aktiveco«.

Tiu ĉi aktiveco estas tre persona, t. e. ĝi montras sin ĉe ĉiu infano en propra maniero; ĝi havas personan *temron*. Se ni priatentas ĉi tion »personan« sekvas logike konsekvence el tio, ke altutklasa instruado ne estas ebla, sed ke la instruo precipe devas direktiĝi al individua kontakto. Tiam ankaŭ ne estas ebla deviga leciona hortabelo, neniu precize fiksita lernprogramo prilaborota en fiksita tempo, povas esti plenum-donata al ĉiuj infanoj; neniun fiksitan metodon ĉiuj devas sekvi: »ĉiu infano do diktu sian propran metodon«. Natura libereco (esprimo kaj gesto) devas esti permesata al la infanoj kaj ĉe la aranĝado de la lerneja ĉambro oni priatentu tion. Tiu ĉi libereco en tiu libera aktiveco ne estas senlima; ĝi estas kiel ĉio limigita; ĉar laŭ nia opinio, absoluta libereco ne ekzistas, nek estas ekzistebla, ĉi tiu libereco enhavas en si ligitecon, ĉar la homo vivadas en tri diversaj interrilatoj, estas ligita trimaniere, nome:

A. En kaj tra si mem (interrilato Mi — Mi);

B. Socie (interrilato mi — Ni);

C. Kosme (interrilato mi — Ci aŭ Li).

Laŭ nia vivkoncepto valoro de homo montriĝas en la tasko kiun li plenumas en kaj per sia vivo, tiel ke la sub A menciita interrilato ordonas al li levi sin mem al pli alta nivelo; tiu sub B plibonigi, pliriĉigi, renovigi la socion; sub C, veni al plialtigo de la homaro, kiuj tri sin reciproke influas.

Nun ni volas tuj al la juna homo (la infano en la lernejo) lernigi direkti sian vivon laŭ ĉi tiu ligiteco. Kiel enkonduko al A, B kaj C, kaj sekve ĉe ĉiu, al li permesita libereco, niaj lernejaj taskoj estas devige al li prezentataj.

La taskoj en ĉi tiu personec-instruo do havas tute alian genezon ol tiuj, kiujn ni trovas konstruitaj ĉe la Dalton-instruo, kvankam ili eksterflanke similas tiujn. Ĉe la lasta la vojo por la pretigado de la taskoj ja estas pure formala. La tuta lernprogramo por 6 jaroj de la lernejo, unue estas dividata en ses jartaskojn, tiuj ĉi estas subdividataj en monattaskojn kaj ĉi tiuj fine denove en semajntaskojn. Tamen ĉe la deviga karaktero al sento de libereco ne estas tuŝata, ĉar dum la prilaborado de la taskoj al la lernanto estas lasata la libereco;

A. Fiksi la sinsekvon laŭ prefero;

B. Preni la rapidon de laborado laŭ propra povado;

C. Fiksi la manieron kaj la cirkonstancojn, en kiuj li tion faros, kiel ekz. kune labori k. t. p.

La tekniko ĉe la kunmetado de la taskoj sekve estas ĉe la personec-instruo tre simpla, kontraŭe al tiu ĉe la Dalton-instruo, kie ĝi kunportas multon da administra laboro. Ĉiun tagon estas plenumdonata tasko, ekz. por la ĉeffakoj legado, skribado, kalkulado kaj nacia lingvo, proksimume jenmaniere: Vi devas hodiaŭ esti leginta (el mem elektota libro); vi devas hodiaŭ esti skribinta kelkajn paĝojn (ekzemplo sur la nigra tabulo aŭ mem elpensota); Vi devas hodiaŭ fari el via kalkullibro kalkulajn ekzercojn aŭ problemojn, sekvantajn tiujn, kiujn vi hieraŭ faris; vi devas hodiaŭ fari unu aŭ pli da lingvaj ekzercoj (la sinsekvo laŭ la lingvolibro).

Por la fakoj historio, geografio, k. t. p. ordinare estas donata semajntasko, el la koncernaj lernolibretoj kaj atlasoj, kiuj ĝenerale por tio donas la materialon en perfekta, metoda sinsekvo, same kiel tiuj de la aliaj fakoj.

Ĉe ĉio ĉi supra ni aparte atentigas pri la postulo, ke la infanoj havu liberan disponon pri la bezonata lernmaterialo. Kiam pli talentaj lernantoj tiam estas pretaj je la plenumdonita tagtasko, ili povas okupi sin per t. n. kroma »ekstra« laboro pri la samaj temoj, per kio ilia scio rilate al tiuj fakoj estas plivastigata kaj pli profundigata. Por la malpli talentaj sufiĉas sola plenumado de la tagtaskoj, kiuj tagtaskoj garantias la prilaboradon de la tuta lernprogramo por la ses lernjaroj. Poste estas permesate libera laborado, per kio ili povas kontentigi kaj disvolvi siajn individuajn bezonojn kaj talentojn. Sekvo de ĉi tiu agmaniero estas, ke fariĝas en sama klaso tre grandaj diferencoj, kiujn ni ĉiam estas alkuraĝigintaj, en kontraŭo al la Dalton-instruo, kie »resti egalaj« ankoraŭ ĉiam estas gravaĵo.

La maniero kaj la cirkonstancoj, en kiuj ĉi tiuj tagtaskoj estas plenumataj, estas signataj per la jenaj, en la klasa ĉambro pendigitaj motoj:

1. Helpu vin mem — memesplorado; profita al la individuo;
2. Helpu unu la alian — reciproka helpemo; eduka al socia estaĵo;
3. Malhelpu neniun — fundamenta vivpostulo, pro kio vekiĝas etika-religia sento;
4. Faru ĉion kiel eble plej bone — la laŭeble plej granda rezulto, tiel ke ĉio estanta finfine efikas ple jutile por la tuto.

Rilate al la »novlernejo« du problemoj havas ĉe la kontraŭstarantoj plenan atenton, dum ankaŭ de la laborantoj en ĝi ili ne povas esti ignorataj, nome la »ordo« kaj la »korektado«, tiel ke ni ankaŭ tiujn mallonge priparolos.

Pri »ordo« ekzistas du malsamaj opinioj. Ordo — silento — kvieto — regula, perfekta okazado de la klasaj laboroj; ĝi estas »enkondukata« per bona ekzemplo, per dreso, jes aŭ ne subtenata de plimalpli drastaj rimedoj. Ĉi tiu ordo, postulata ĉe alamasa, altutklasa instruo, estas ĉiam atingebla per konsekvenceco. Por tio oni nur bezonas postuli de la instruisto, ke li havu ian »aŭtoritaton«, akraforme la econ de »Diktatoro«.

La instruisto kiel bona »fakulo« povas kontentigi tiun postulon. Ĉe la »natura« ordo, ordo de pli alta nivelo — ekzistas interkontakto

en harmonio kaj ekvilibro de la »kontraŭparoj«, el kiuj »naskiĝas« la unueco de la klaso. Por tio la instruisto devas havi personecon.

(Kiel li alie povus eduki al »personeco«?) Li devas unuigi en si la ecojn de la gvidanto; li devas esti la »senbrua, magia forto«, laboranta de el centro, kiu laborado ne estu »rimarkebla«, sed efiku ĉe la suprajo de la klasa okazado, kiu estas ekstereco de lia interneco. Ĉi tie estas postulata de la instruisto ia artisteco.

Ne malpli pribatalata problemo en la novlernejo estas tiu de la korektado. Kiel sekvon de la libera aktiveco de la lernantoj ili produktas multe, tre multe da skribita laboro, tiel ke la pedagogia redaktoro de »Het Handelsblad«, priskribante, nian provon, venis al la esprimo »ĉaraj ŝarĝoj«. Konsiderante, ke ĉi tiuj kvantoj ĉiutage altrudiĝadas al ni, oni ne miros pri tio, ke ni aparte devis fiksi nian starpunkton koncerne la korektadon. Elkore ni ĉiam konsentis, la antaŭ multaj jaroj de Prof. Gunning eligitan ekkrion pri la instruisteco: »La malbeno de la korektado«. Ĉar ni aliflanke en la konata Dalton-raporto, eldonita de la »Maatschappy tot Nut van het Algemeen« verkita de Prof. Kohnstamm kaj S-oj Diels kaj Bigot, ni trovis kiel nepraĵon por bona Dalton-instruo, ke ĉio du laboro estu korektata, kaj ni opiniis ĉi tion ĉe nia personec-instruo absolute neebla, ni estas demandintaj al ni mem, kio estas la celo de la korektado, kaj difinis la jenajn kriteriojn:

1. Sciiĝi ĉu la lernantoj scipovas ion — ĉu la prilaborita lernaĵo fariĝis ilia spirita propraĵo;

2. la kontentiĝo por la infano, kiam estas konstatate ke ĝi scipovas ion, aŭ, se pruviĝas ke tio ne estas tia, konkludi, ke tiu ĉi parto ree devas esti pristudata de ĝi.

Poste venis la demando, ĉu por ĉi ambaŭ necesas, ke ĉiom da laboro estu korektata, kiun demandon ni laŭ nia opinio nee povis respondi. Por la unue menciita sufiĉas, ke la instruisto en- trans- kaj trarigardas la laboron. Kun sia rutino li vidas per unu ekrigardo, ĉu infano jes aŭ ne regas iun lernproblemon kaj tiam ne gravas, ĉu en ĝi troviĝas eraro pli aŭ malpli.

Eĉ ŝajnas al ni eduke por la infano, kelkfoje ne vidi ĝian laboron, ĉar tiam ĝi klopodas fari la bonon pro la bono mem, kaj ne pro tio, ke ĝi scias post si la kontrolon. La sento de kontentiĝo ĉe la infano jam estas atingebla per uzado de ĝeneralaj esprimoj, kiel: »Ĝi estas bona«, »Ĝi povas esti pli bona«, »Ĝi estas malproksime de bona«, ĉe kio ni restu en pozitiva terminaro, kio instigе efikas. (Oni ja ĉiam povas trovi ion por laŭdi, por alkuraĝigi).

La neebleco korekti ĉi tiujn »ĉarajn ŝarĝojn« da skribita laboro, metis nin antaŭ la dilemon: Tamen fari — kaj fariĝi nervmalsana, kion ni nepre ne intencis, aŭ forlasi ĉi tiun sistemon de instruado, je kio ni neniel estis pretaj. Tial ni decidis alpreni la supre menciitan starpunkton rilate la korektadon. Ni devis por tio batali kontraŭ kontrolantaj aŭtoritatuloj, sed fine sukcesis konverti tiujn, kiam ili konvinkiĝis per la faktoj, ke la fincelo ankaŭ estas atingebla sen la »Malbeno de la korektado«.

La ordinaran skribitan klasan laboron oni do rigardu en la »nov-

lernejo« kiel »ekzercon«, kondukantan al iugrada perfekteco, kiu povas esti postulata je difinita tempo. Ĝi ne estas »preskaŭa perfekto«, kiel la skribita laboro elmontre troviĝanta en la ŝrankoj de la altutklasa instruo, ĉe kiu oni ne forgesu ke la »ekzercado« tie ofte antaŭe jam okazis per la ardezo aŭ malnetpapero, kio tamen neniam estas kontrolebla, — spongo aŭ forno neniigas ĝin. — Kio ĉe objektiva, honesta prijuĝado de nia personec-instruo devas esti komparata kun la skribita laboro de la altutklasa instruo, estas tio, kio estas produktata ĉe ni en la t. n. »esplortaskoj« aŭ »ekzamenoj«, per kio la infano devas montri kion ĝi alproprigis al si per propra ekzercado, kaj kiujn esplortaskojn oni do rigardu kiel »finrezultaton« de »kleriga procedo«. Tiuj ĉi esplortaskoj estas korektataj en la ordinara maniero por konvikiĝi pri la ĉi supre unue nomita kriterio koncerne la celon de la korektado.

Tria, por multaj de la malnovlernejo timiga problemo estas tiu pri la pozicio, la rolo de la instruisto en la novlernejo kun ĝia libereco de agado kaj esprimado. (La infanoj darfas sin movi tra la klasa ĉambro, helpi unu la alian, kaj eĉ-ili darfas paroli unu kun la aliaj) Ĉi tio lasta precipe plifaciligas la laboron de la instruisto. Li ne faras la ordonon pri »Silento« en la klaso (tiu ja tamen konstante estas malobeata!) Kaj do ankaŭ ne bezonas obeigi ĝin, per kio multa nervostreĉo estas eliminata. Sed cetere li estas pli okupita — havas pli da plenumaĵoj; aliflanke pro sia kunliĝiĝo kun ĉiu infano aparte li estas senigita for de ĉiu unutona, amasa, egala. Lia laboro estas viviga pro la ege variantaj impresoj, kiujn li ricevadas de la klasaj okazintaĵoj; entute ĝi certe ne fariĝas pli laciga.

Fine ankoraŭ mallonge pri la ekipa aranĝo por la personecinstruo. Ĝi povas esti aplikata en la ordinara lerneja ĉambro kun la ordinara lerneja meblaro kaj la ordinaraj helpiloj kaj lerniloj. Ni ne serĉis la esencon en la eksteraĵo, kvankam ankaŭ tiu sendube havas sian valoron; same ne en la elpensado de ĉiaj iom interesaj instruiloj; sole iafoje ni efektivigis iun inventeton, kiun ĉiu vivanta instruanto kelkfoje faras.

La grandan valoron de tabletoj kaj seĝetoj en multaj novlernejoj ni neniam povis konsenti; ege valoras, laŭ nia opinio, la »firmeco« de la ordinaraj duoblaj benkoj. (Instruistino ĉe etula lernejo kun preskaŭ 50 lernantoj jam parolis pri »Seĝetmalsano«). Sole la aranĝo de la benkoj devas esti alia ol en la plimulto de lernejoj kun iliaj abomene rektaj vicoj, tio ankaŭ pro la movolibereco, kiu estas permesata al la infanoj. Sed super ĉio oni donu liberan disponadon pri la ĉeestanta lernmaterialo. El tio supre dirita pruviĝas, ke personec-instruo tre nature, seninterrompe povas sekvi la altutklasan instruon, transiro de la lasta al la unua ne postulas multe da riskemo, kiam en la instruisto la spirita ŝanĝiĝo plene estas okazinta, tiel ke la personec-instruo povas esti aplikata de ĉiu instruisto je ĉiu momento en ĉiu lernejo, kondiĉe ke li estas unuiginta sin kun ĉi tiu personec-instruo.

Kiam ni ĝin komparas kun du aliaj konataj direktoj de la novlerneja ideo, Dalton- kaj Montessori-instruoj, tiam personec-instruo havas komuna kun la Montessori-instruo, ke ambaŭ kiel elirpunkton prenas la individuon kun ĝia sopiro al libereco, dum la Dalton-instruo eliras

de la klaso. Ĉi tiu lastnomita kontraŭe havas komuna kun la personec-instruo la »taskojn«, (kvankam de el tre malsama starpunkto).

Tre koncize ni volas plie jenmaniere mencii la diferencojn:

Personec-instruo diras al la infanoj: Vi venas en la lernejon por labori; la instruisto do postulas, ke vi laboru, ĉe kio li tamen lasas al vi liberecon rilate al la rapideco de laborado, la sinsekvo, laŭ kiu, kaj la cirkonstancoj (manieroj) en kiuj estas laborate, kondiĉe ke estu plenumata certa minimumo, la tasko;

La Montessori-instruo diras al la infanoj:

Vi povas labori en la lernejo. La sugeste deviga materialo (konstruita laŭ psika-fizika vidpunkto) ĉeestas por tio, la instruisto (gvidanto) tenas sin pozitive (pasiva — stentema, sed estas tute al vi, ĉu vi laboras;

La Dalton-instruo diras al la infanoj:

Vi devas kune (klasope) partopreni en pli aŭ malpli granda parto de la instruo, en la lernejo, do kun ekskluzivo de ĉia persona prefero, kaj poste vi devas prilabori diversajn de la instruisto precize fiksitajn taskojn, ĉe kio li lasas al vi kelkan liberecon rilate rapidecon kaj sinsekvon, sed kie »resti iom egalaj« estas gravaĵo.

Kiel personec-instruo praktike-teknike realiĝas ĉe la diversaj lernfakoj, tion ni ĉi tie ne povas pritrakti en tiu ĉi mallonga priparolado. Por tio ni afable atentigas je nia broŝuro: »Glimpen van de Nieuwe School, Persoonlykheids-Onderwys, een Practische Proeve« (ekrigardojn en la novlernejon, personec-instruo, praktika provo) de L. Groeneweg, eldono de J. B. Wolters, Groningen.

Kion la personec-instruo estas atinginta en la praktiko, do la rezultato ne preterpasu ĉi tie nemenciita, ĉe kio ni bone konsideru:

1. Ke en ĉi tiu provklaso neniu infano dufoje tralernis iun jarklason, ili ĉiuj trairis en ses jaroj rekte la elementan lernejon;

2. Neniam la infanoj havis plenumi hejman taskon;

3. Ili ne ricevis ekstran helpon por iu ajn celo;

4. Ili estis ordinaraj popolifanoj de grandurba lernejo.

Dum tiu ĉi praktika provo de personec-instruo ni estas praktikintaj »malkaŝecon«, kaj volonte donintaj al ĉiu interesiĝanto liberan eniron por havigi al si per propraj okuloj prijuĝon, avide aŭskultante postan kritikon, kiu ja povas konduki al memrevizo aŭ al konsento, el kiu kritiko povas pruviĝi la celtrafeco. Kaj tiel tricent sesdek personoj samlandaj kaj eksterlandaj, estas vizitintaj ĉi tiun provklason, kiujn vizitantojn ni jenmaniere povas enrubrikigi:

A. Aŭtoritatuloj (en la ĉi supre nomitan nombron ne estas enkalkulitaj prodeĵoraj vizitoj de aŭtoritatuloj);

B. Ekspertoj (samfakuloj);

C. Interesiĝantoj, ne rekte rilatantaj la instruon, artistoj, industriuloj, k. t. p.;

D. La plej proksimaj interesiĝantoj: la gepatroj.

Kun kia sekvo?

Kiam la 3-an de Septembro 1923 la Magistrato de Amsterdam donis al ni la permeson pri personec-instruo eksperimenti kun klaso da

infanoj, ili alligis al tio la nepran kondiĉon, ke »la lernantoj de tiu ĉi klaso en rilato al siaj progresoj ne malsuperu tiujn de lernantoj de konformaj klasoj de aliaj lernejoj«. De diversaj kontrolantaj instru-aŭtoritatuloj ni ĝuis aŭdi pli ol unu fojon aproban juĝon, kio fine kondukis al la fakto, ke la 1. an de Februaro 1930 estas starigita la unua Amsterdam lernejo kun personec-instruo, al kiu mi estis nomata lernej-estro kaj en kiu la ceteraj instruantoj darfas instrui laŭ la sama sistemo (Enschede jam estis stariginta tian lernejon en Aŭgusto 1929.)

Ege ni ĝojas, ke tiel fariĝis, ĉar nun la argumento de multaj, ke la eksperimento sukcesis, »ĉar« la kreinto de la sistemo kaj la eksperimentinto estas la sama persono, povas esti nuligata pro tio, ke ankaŭ aliaj personoj ol li ĝin aplikas, el kio tiam povos pruviĝi, ke la sistemo havas sian valoron en si mem. Ekskluzive tio ankaŭ estis la motivo, ke ni okupis tiun lokon.

Memkompreneble la sub B menciitaj ekspertoj observis kritike, kaj ŝajnas al ni plej bone por ilia juĝo atentigi pri la raporto de la Komisiono por Novaj Instruideoj, starigita de la estraro de la sekcio Amsterdam de la »Bond van Nederlandsche Onderwyzers« (ligo de nederlandaj instruistoj), en kiu raporto ĝi skribis:

»Generale nia impreso estis tre bona«.

»Ni rimarkis multegon bonan — multegon agrablan«.

»Infanoj kaj instruanto, ambaŭ donis normalan, ordinaran impreson; ili donas sin tute tiel kiel ili estas«.

»Tiu ĉi klaso vere ne bezonas timi en rilato al siaj kontroleblaj rezultatoj komparon kun aliaj klasoj«.

»El ĉio nova ĝi plaĉis al ni ankoraŭ plej bone.« (Tio ĉi en komparo kun Montessori — kaj Dalton-instruoj).

Por sub C menciitoj oni vidu la juĝon de profesoro Kohnstamm en la jam antaŭe menciita Dalton-raporto; Artikolon de S-ino T. Gorter en la revuo: »De Tempel«, k. t. p.

Por la juĝo de la gepatroj ni antaŭe donu resumon de kio poste fariĝis de ĉi tiu provklaso, en kiu troviĝis iliaj infanoj.

Komenco de la provo: la 3. an de Septembro 1923 kun 29 lernantoj; fino de la provo la 8. an de Julio 1929 kun 22 lernantoj (7 lernantoj malaperis pro granda distanco post transloĝiĝo).

El ĉi tiuj 22 lernantoj iris:

4 ankoraŭfoje tralerni sesan lernjaron; ili estis tre junaj kaj ne sufiĉe kapablaj por sepa lernjaro, kie ili krome devus lerni fremdan lingvon;

3 al metia lernejo (ambaŭ estis psikopatoj; sed tamen trairis la tutan lernejon kaj prilaboris la tutan lernprogramon);

1 al sepa lernjaro;

1 al industria lernejo;

1 al trijara daŭriga lernejo;

12 al kvarjara daŭriga lernejo; post tri monatoj la instrua inspektoro igis sin informi pri ili; la juĝo de tiu lernejestro estis, ke li trovas ĝenerale la staton tre sufiĉa (ĉi tio malgraŭ la malfacilaĵo, ke ili devis adaptiĝi al tute alia labormaniero);

1 al kvinjara mezgrada lernejo, ĉar li sukcese partoprenis la allasan ekzamenon.

Post unu jaro ni povis sciiĝi, ke ili ĉiuj estis transirintaj en sekvantan klason.

En adiaŭa vespero por la gepatroj prezentis la infanoj klasan revuon titolitan »Personec-Instruo«, en kiu ili demonstris en plirapidigita sinsekvo sian dumsesjaran klasan vivon, kaj la jena deklaro estis subskribita de ĉiuj (22) ĉeestantaj gepatroj:

»Subskribintoj, ĉiuj gepatroj de la lernantoj de la klaso de la instruisto Groeneweg, en kiu ili dum ses jaroj ricevis »Personec-Instruon«, deklaras, ke ili pri tio estas tre kontentaj, kaj eventuale por siaj aliaj infanoj dezirus tiun saman instruon«.

## Diskutado

Estis speciale Dalton-anoj kiel S-oj Terpstra, Bakkum kaj Zevenbergen, kiuj akcentis per siaj demandoj la diferencon en tasko-pretigado ĉe Personec-Instruo kaj Dalton-sistemo. Ĉe la Dalton-instruo ĉi tio okazas de supre malsupren, t. e. elirante de la ĝenerala lernprogramo kiel tutotasko, oni venas dividante kaj subdividante al monat- kaj semajntaskoj, iafoje eĉ al tagtaskoj. Ĉe personec-instruo la iro estas de malsupre supren, per konstruado de briketo post briketo (la tagtaskon), ĝis kiam la tuta konstruaĵo, »la ĝenerala lernprogramo«, estas pretigita; krome ni ne ripetos la jam en nia referato menciitan vivkoncepton, de kiu ili estas natura elfluaĵo.

Grandsignifa por la personec-instruo estis la diraĵo de S-ro Terpstra: »Ni ankoraŭ ne sufiĉe liberiĝis de la malnovaĵoj; (A. R. J. Bazuin, preleganto pri Dalton-instruo, do ankaŭ karakterize nomis ĝin plibonigita altutklasa sistemo). La pli junaj devas esti de Groeneweg.«

S-o Polderman demandis, ĉu neniam klasope estas laborate, kion li bedaŭrus. En nia prelego, kiu pro la ege limigita tempo nur povis enhavi resuman pritrakton, ni ne estis priparolintaj ĉi tion. Sed tio efektive okazas, i. a. ĉe legado, rakontado, historio, geografio, k. t. p. Ne volonte ni malhavus ĝin pri ĝia komuna travivado de spirita influiĝo; sed preskaŭ senescepte ĝi okazas »post« la individua prilaborado de iu parto de la lernaĵaro. Samdirekte aludis demando de sinjorino, reprezantino de la »Nederlanda Infanligo«, kiu, aŭdante pri ĉiuj tiuj »taskoj« kaj »ekstraĵoj«, timis, ke ni tro alte ŝatas intelektismon. El tio, kion ni diris pri la homa-individua direktiĝo al la kosma ĉio, pri la interrilato inter Mi kaj Ci aŭ Li, sekvas, ke la prilaborado de tiuj taskoj estas utiligata por la etika-religia eduko de la infano. Ne unualoke ni ŝatas la »klerecon« de la homo, sed ties »feliĉecon«.

El la nederlanda tradukis *R. Israëls.*

---

## *Notoj pri la kolonja kunsido de TAGE*

Tute nova sperto estis tiu-ĉi, ĉefe pri tio, kion ni ne havas.

Ke imagu tiuj el niaj kolegoj, kiuj antaŭ ĉio ŝatas ke ĉio funkciu bonorde kaj laŭregule, kunsidon ĉiujaran, sen sekretario, sen protokolo, sen estraro (krom unu solulo fremd-

landa), sen oficiala rezigno de tiuj kiuj jam ne estras, sen labora raporto, sen kasraporto, preskaŭ sen kono de tiuj kiujn oni sugestias kiel nova estraro, aŭ kio devas okazi dum la kunsido.

Tion, kio estis ebla, ni faris. Ekzemple ni elektis:

1) K-on P. Korte kiel nia nova administranto, esperante kaj kredante ke li pruvos egale sukcesa en la pli larĝa kampo kiel li estis en Nederlando: ni certe kredas ke li estas egale laborema.

2) K-on W. H. Mook, kiel sekretario.

3) K-on K. Sportel, kiel Helpsekretario kaj ekspedanto de IPR.

4) K-on E. J. Boltjes, kiel redaktoro.

Tie kaj aliloke mi pledis ke ĉiuj el ni tuj nin decidu ke ni helpos kaj kuraĝigos niajn kolegojn, kiuj tiel sindone sin oferas por daŭrigi TAGE kaj IPR, dum la necertaj kaj malfacilaj tagoj kiuj sendube venos.

K-o Degen (Leipzig) proponis ke ni rekonu kaj kore danku la fidelajn laborojn por niaj aferoj de la ĝistiamaj estraranoj. K-o Naumann (Riesa) subtenis, ŝajne iomete kritike, sed sendube egale kore, kaj ni unuanime voĉdonis niajn tre korajn dankojn.

K-o Degen donis provlecionon esperantan laŭ sia metodo rekta. Tiu multe interesis ambaŭ la knabojn mem kaj la ĉeestantojn. Li evidente sukcesis lernigi tion, kion li taŭge elektis por novkomencantoj junaj. Kiel ofte okazis dum la Kolonja kongreso, surprizo agrabla alvenis, ni esperu ke la knaboj ne atendu ke ĉiu esperanta leciono finiĝos je dono de ĉokolado.

F-ino Mielaŭ afable skribis protokolon-tagordon dum la kunsido. Tiun mi jam sendis al nia nuna administranto. Oni decidis ke ŝi ankaŭ transdonu niajn dankesprimojn al la antaŭaj estraranoj. *W. G. Roome.*

## *Kongresaj impresoj*

Preskaŭ ĉiu leganto jam scias pri la okazintaĵoj ĉe Kolonjo: mi do nur resumas. Inter miaj ĉefaj impresoj pri la Kolonja Kongreso mi metus tiajn:

1) La fakto ke, post tiom da timoj kaj malgraŭ tiom da malhelpoj, la kongreso estis tiom sukcesplena, kaj en la progresado de siaj eroj tiom senaventura.

2) Pro tio, tutkorajn dankojn oni devas al la LKK, kiuj tra multaj malkuraĝigaĵoj kaj aroj da neatendeblaj ĉagrenoj, fidele daŭrigis sian laboron, zorgante ne nur la pligravajn aferojn, sed ankaŭ tiun aregon da malgrandaj, ŝajne bagatelaj, detaloj, kiuj ofte certigas sukceson.

3) La neĉeesto de multaj vizaĝoj, malnovaj sed bone memoritaj, de tiuj kiuj, aŭ kiel Cart kaj Warden antaŭenpasis, aŭ kiel Bujwid, Dietterle, Merchant, kaj Privat deteniĝis pro diversaj kaŭzoj.

4) En la laborkunsidoj, la plibonîĝo en ĉeesto kaj atento, en akurateco, en evidenta deziro ke ni klopodu kaj progresigu la laboron kune kun ĝojiga malplimulte da parolado por sinreklamo. Tiamaniere ĝi tre favore kompariĝis kiun iuj el ĝiaj antaŭuloj.

5) La spontana gajeco de la socialaj kunvenoj.

6) La ŝanĝo en tono kaj spirito ĉe kelkaj eminentuloj, kiu ebligis kaj faciligis la intertraktadojn pri organizo.

7) Iomete da demando ĉu, post ĉio, iome plimalgranda ĉeestantaro ne faras pli funkcieblan kaj do praktike sukcesplenan, kongreson.

*W. G. Roome.*

Pestvidéki Nyomda Vácon — (Felelős: Bénik Gyula)